FONDITA en 1908 - TRIA SER

29 a JARO - Nº 202 - NOV. 196

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris X<sup>e</sup> — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## VOĈO DE AMERIKO

La Esperanto-programoj de la Voĉo de Ameriko necesigis la kunlaboron kaj helpon de multaj personoj

Nia bildo montras kelkajn el ili, starante antaŭ geografia karto de la mondo, en kiu la oficejoj de la Usona Inform-Servo: U.S.I.A. - kaj la radiosendiloj de la Voĉo de Ameriko estas indikataj.




De maldekstre: Vincent Gugliotta, ĉefreĝisoro de la anglalingvaj programoj kaj reĝisoro de la Esperanto-programoj; F-ino C. Soponis, Sekretariino de Kongresano Roman Pucinski membro de la Domo de Reprezentantoj;John Petraitis, radio-ĵurnalisto kaj anoncisto de la Voĉo de Ameriko; D-ro William Solzbacher, estro de la Esperanto-promramoj kaj membro de la Esperanto-Akademio; S-ino Irène Greene, Sekretariino de

.../.....

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Paul CILIGA** - UEF 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème). Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

(sejvo de la 1-a paĝo)

de D-ro Solzbacher; S-ino Françoise Groleau el Kanado kiu partoprenis en la diskutrondo pri la kunlaboro inter la amerikaj nacioj; Reed Irvine, de la Federacia Rezerv-Banka Sistemo de Usono, kiu partoprenis en diskutrondoj pri la usona ekonomia sistemo kaj pri inter-amerika kunlaboro; Alfonso Correa, brazila oficisto de la Organizo de Amerikaj ŝtatoj, kaj Sergio Docal, oficisto de la Pan-Amerika Sanec-Ornanizo, partoprenintoj en la diskutrondo pri interamerika kunlaboro; F-ino. Eve-Marie Solzbacher, program-sekretariino en la sekcio por la Internacia Interŝanĝo de Instruistoj en la Usona Ministerio de Sano kaj Eduko kaj Bonfarto.

---



## ESPERANTO-SEMAJNO en FROSTAVALLEN

-- o --

En la Venonta jaro, la Universala Kongreso okazos en Kopenhago kaj la Sveda - Esperanto Instituto decidis aranĝi prelegsemajnon la 5 an fojon en FROSTAVALLEN post la Kongreso. De Kopenhago oni en nur kelkaj horoj povas atingi la preleglokon.

La detala programo ankorau ne estas fiksata sed ĝi konsistos, kiel kutime el PRELEGOJ DE EMINENTAJ SPERTULOJ, DISKUTOJ, VESPERAJ DISTRAĴOJ, t.t.p....

Ĉiuj, kiuj deziros partopreni, estas petataj nun mendi aliĝilon - kaj informojn pri la Sveda Somera Semajno I962 en Frostavallen - de JAN STRONNE, Amiralsgatan 36 MAIMÖ

-o-

# AL LA GRUPAJ —

El festparolado de D-ro LAPENNA ĝenerala sekretario de U.E.A. dum la 46-a U.K. en Harrogate, ni ĉerpas la sekvantajn liniojn:

Sen la plena vivanteco de la lingvo, Esperanto estus havinta la saman sorton de mortnaskito, kiun havis ĉiuj aliaj projektoj antaŭ ĝi kaj post ĝi. La vivanteco de la lingvo estas la plej granda trezoro, kiun ni havis kaj kiun tial ni devas gardi kaj konservi kiel la absolute plej valoran, kiel la plej potencan armilon en niaj estontaj klopodoj.

Bedaŭrinde, lastatempe manifestiĝis tiurilate kelkaj maltrankviligaj signoj. Kelkaj Esperanto-organizaĵoj, inkluzive plurajn lokajn grupojn, tro ofte uzas en la kunvenoj aŭ kunsidoj la nacian lingvon. Kutime oni tion faras aŭ pretekstas fari pro la komencantoj. Efektive, ne nur pro la bonaj konantoj de la lingvo, sed precize pro la komencantoj oni devus ĉiam, en ĉiuj organizaĵoj, praktiki nur la Internacian Lingvon. Ili devas esti ne nur la disvastigantoj de Esperanto, sed ankaŭ la centroj, en kiuj la lingvo daŭre vivas kaj evoluas. Se oni deziras bone ellerni fremdan lingvon, oni post longa studado vizitas la landon en kiu la lingvo estas parolata kaj restas tie kiel eble plej longe. Miloj da gejunuloj, précipe da junulinoj, ĉiujare venas al tiu-ĉi lando ne malofte peze kaj ŝvite laboras dum multaj monatoj nur por iom plibonigi sian scion de la angla. Kien iros la miloj, kiuj ĉiujare eklernas la Internacian Lingvon por praktiki ĝin kaj tiel perfektigi sian scion? Kie estas la lando en kiu la Internacia Lingvo estas parolata? Ĝi ne ekzistas, sed ĝin povas kaj devas anstataŭigi niaj organizaĵoj, unuavice la loka Esperanto-societo.

En ili estu aŭdata ĉiam kaj en ĉiuj okazoj, ekde la oficialaj programoj, kiuj estu kiel eble plej altnivelaj, ĝis la plej ordinaraj konversacioj, sole la Internacia Lingvo. Nur tiamaniere estos eble atingi, ke la miloj da personoj, kiuj ĉiujare komencas lerni Esperanton, transformiĝu kiel eble plej baldaŭ en bonanj uzantojn de la lingvo. Tio siavice fortigos ĉiujn niajn organizaĵojn, helpos al la kreskigo de la Esperanta Literaturo, faros la kunvenojn, konferencojn kaj kongresojn pli interesajn, unuvort fortikigos kaj antaŭenigos la tutan Esperanto-Movadon. Ankoraŭ pli forta kaj ankoraŭ pli unueca ĝi povos atingi novajn sukcesojn kaj novajn rekonojn sur ĉiuj tri niveloj: la internacia, la landa kaj la loka.- Tia maniere, agante harmonie kaj kunlabore sur la tri niveloj, helpante unu la aliajn kaj helpataj unu de la aliaj, ni iros antaŭen, ĉiam pli firme kaj per ĉiam pli grandaj paŝoj de unu venko al la alia ĝis ni atingos la finan celon: la enkondukon de la vivanta, alte evoluinta Internacia Lingvo en ĉiujn internaciajn rilatojn.

(laŭ ESPERANTO-sept.I96I-p.146)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

ERATUMO

Sur la paĝo 73-a de la numero 200 (julio 1961) oni bonvolu legi ĉe la tria linio de malsupre la jenon:

"....pledi nur ĉe la plej superaj kortumoj. Cetere, la termino "procedutisto......"

(La Pozicio de Advokato en diversaj landoj)

# FAIRE DES COURS

Quelques semaines seulement nous séparent de la dernière rentrée sco laire dont le retour nous a fait penser à la question si importante des cours à assurer jusqu'en juin prochain.

Est-il besoin de souligner que dans toutes les villes, c'est un de voir impérieux pour TOUS, groupes et siolés, de reprendre les cours précédemment existants?

Mais je voudrais insister sur un autre aspect du problème: c'est la création de cours nouveaux - scolai res et publics. En vertu de l'adage "Tout ce qui n'avance pas recule", l'enseignement de l'Espéranto doit, cette année, faire un très sensible bond en avant.

Pour les cours scolaires, de beaucoup les plus importants, mais aussi les plus délicats, la Commission Scolaire a mis au point une Ré glementation qui a déjà commencé à porter ses fruits et à laquelle il y aura intérêt à se conformer le plus possible.

Plusieurs professeurs ont demandé et obtenu leur agrément officiel et le nombre et la qualité des stagiaires qui, à Grésillon, sont venus préparer l'Atesto pri Kapableco permettent d' envisager l' avenir avec beaucoup de confiance.

En dehors de l' école, il faut songer sérieusement à l' ouverture de nouveaux cours publics; sans être astreints à une discipline, aussi stricte que les cours scolaires, ces cours devront être organisés avec le maximum de sérieux pour donner des résultats aussi satisfai sants que possible.

Chaque groupe, chaque isolé doit se considérer comme obligé d'apporter sa contribution à cet enseignement de l'Espéranto.

Pour cela, ne pouvant entrer ici dans le détail de l' organisation, en fonction des données locales, je suis à la disposition de ceux qui voudront me demander des directives précises.

En tout cas, il est encore temps de prendre des décisions et d'annon cer les jour, heure et lieu des cours par insertion (gratuite) dans la presse régionale et locale.

Mr BLANC, instituteur à Sancoins (Cher), qui a déjà donné maintes preuves de son dévouement à notre cause, a bien voulu accepter de faire partie de la Commission Scolaire et d'assumer une tâche particulièrement délicate: la constitution d'un fichier de tous les cours scolaires d'Espéranto en France. Au nom de tous, je l'en remercie vivement et souhaite ardemment qu'à la centaine de cours de l'année passée s'ajoute cette année une nouvelle centaine.

Pour la Commission Scolaire

ANDRE RIBOT

N.D.L.R. Pouvons-nous ajouetr qu'il est souhaitable, tout au moins dans les cours publics, que dès les premières leçons, les élèves paient, en même temps que leurs livres, un droit d' inscription au mouvement espérantiste ( membres-élèves: lnf,50 - membres actifs 3nf

Soyez assurés que vos élèves, seront plus fidèles s'ils se savent officiellement inscrits à U.E.F-UEA

Nous vous enverrons pour eux la carte et la feuille de coupons de U.E.A.

L A
===

P O N T O
=========

V A L E N T R E
===============

Malnova Sinjoro, sed ĉiam juna, LA PONTO VALENTRE estis ekkonstruita en 1308 laŭ ordo de Géraud de Savanac, urba konsulo; ĝi estas finkonstruita dum la XIV-a jarcento, post multaj spertoj, ĉar la konstruanto. estis tute ruinigita kaj minacita de pendumo. Tiagrade se senkuraĝigo ke la malfeliĉulo vendis sian animon al la diablo, k i u promesis efektivigi la ricevitajn ordojn kaj finkonstrui la ponton.

La erudita historiisto de la Lot-departemento, S-ro FOUGOUS, skribis de "la ponto, estante tuj finkonstruota, tiu ĉefmasonisto, por sekurigi sian savon, donis al la diablo, kribrilon, ordonante al li, "iri al la fontoj de la Lot-rivero, serĉi l a akvon necesan por la laboristoj". Satano ne povis kunporti eĉ guton da akvo. Tiam, la Diablo venĝis sin fordifektis la centran turon ĉe la dekstra angulo, flanke de la urbo. Tiu ŝtono ofte relokita, solidiĝis nur en 1880, dum renovigantaj laboroj entreprenataj de Paul GONS, kiu fortike sigelis ŝtonon, sur kiu estas skulptita grandformata Diablo.

De tiam, oni diras en Cahors ke Satano, "timante sian vizaĝon, n e plu faligas tiun ŝtonon".

Agrabla legendo, de tiu malnova Cahors sur tiu, kiun oni nomas ankaŭ "la Ponton de la Diablo".

Arkitektura mirindaĵo, arta ĉefverko, militista konstruaĵo, la Ponto Valentré estis siatempe fame konata nevenkebla fortika loko. Ĝi estas la juvelo de la malnova urbo Cahors, riĉa je memoraĵoj de la mezepoka tempo.

tradukita de Jack A. ROUSSEAU
laŭ artikolo aperinta en
"Le Monde des Philatélistes"
(n°49 - novembre 1 9 5 5)

-- o --

# #TEJO#

Ni havas la plezuron informila francan esperantistaron pri la nova organizo de la franca sekci de T.E.J.O. Ĝi okazis en Wokingham dum la 17-a I.J.K.

La nova estraro konsistal el:

Prezidantino:
F-ino GARRIGUE Christiane
34 rue Vauvenargues - Marseille

Vic-prezidantino:
F-ino ROUX Michèle
6 rue Alexis Rostand - Marseille

Sekretario:
S-ro JULLIEN Michel
"La Lagramuso"
Avenue H.Pontier - Aix-en-Provence

Kasistino:
F-ino SAGE Suzanne
42, rue Louis Saulnier - Meyzieu

Provizora sidejo:
ĉe la Prezidantino.

Ni esperas ke multaj junaj esperantistoj sendos sian aliĝon al la sekretario kaj samtempe pagos kotizon al la kasistino.

Ni afable disponigos lokon - en nia gazeto al la estraro poraperigi ĝiajn informojn.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# KRONIKO

DOKTOTO, MI ŜATAS LA RUĜON
==========================

Ekzamenante la zezultojn de kolortesto al kiu li jam submetis iun pacienton, kuracisto povus post kelkaj momentoj determini ties fiziologian staton.

Jen do la freŝa informo de la svisa profesoro MAX LASCHER, Direktoro de la Medicina Instituto ĉe la Universitato en Bazelo.

Laŭ li, la virinoj ŝatantaj la bluon kaj la verdon, estas pli ol aliaj, submetitaj al kardiopatioj: por paroli klare, kaj simple, ili riskas korajn perturbojn.

Konfirmiĝas do, ke ni ŝatas aŭ ne ŝatas la kolorojn ne pro pura kaj nura estetika sento. Ek de nun, ni sciu ke niaj rilatoj kun la koloroj apartenas al la kampo de rigora, scienco kaj ke ili respondas al determinismo multe pli nefleksebla, ol tiu de la divenaj sciencoj.

La horoskopoj de la virinaj gazetoj ja rivelis al ĉiu ajn la nuancon plej harmonian kun la astra signo de onia naskiĝo.

Tia instruo ne grave skrapis nian senton pri libereco, ĉar ĝi ja prezentiĝis prefere kiel konsilo, kiun ni ja povis forĵeti aŭ pri kiu ni ja povis kuntiri la ŝultrojn.

Ja sciate estas ke la kolormondo jam estis integrita al la mondo de la frenezuloj: psikiatroj jam prezentis fulmantajn verkojn de mensomalsanuloj, en kiuj la allogo al iuj koloroj estis tre okulfrapa.

Tamen, malgraŭ la fragileco de la limo disiganta la menso-malsanulojn de la ordinaraj malsanuloj, kiuj ni ĉiuj estas laŭ Dro KNOK, ni ĝis nun plezuris en la kredo, ke oni ĝuas ian sendependecon.

Tiel, gravega, ni taksu la informon de la svisa profesoro. Ne plu ŝvebos sento de mistero ĉirkaŭ la blua tajlora kostumo de la amata virino. Pu! Tio estos nur simpla kaj stulta signo, ke ŝia koro laciĝas...

Kaj se vi jam tro rapide kune tragrimpis la ŝtupojn de la urbdomo aŭ de la preĝejo, vi ja ne povos ne rimarki la nenormalan ritmon de ŝia spirado.

Egale same, la infano - poeto Rimbaud nenion iam inventis, surŝtofante ĉiun el la vokaloj de la alfabeto per transfiguranta koloro. Li ja nur perfidis iun nombron da patologiaj afekcioj, kaj nun sub tiu nova prilumo, necesos reverki la studon de lia fama poemo.

- o -

Se la teorio de la svisa profesoro kontroliĝos vera, sendube tio tre interesos la kuracistojn.

Sed nepre ne nin, la eternajn naivulojn. Plezure estis pensi kun floroj ke "ruĝo" estas "pasio", bluo "tenereco", "blanko" "senkulpeco"...

Feliĉe, neniam la koloroj akceptos resti en la katenoj de la medicinaj testoj, kaj por pli ol unu mortiganto, la vereo, kiu eble lin kondamnis, restados "la esperado".

Libere tradukis el medicina gazeto:

Andros ASKLEPIIDO
===============

## CONGRES UNIVERSEL D'ESPERANTO - COPENHAGUE 1962 -

Comme suite de l'adoption du nouveau règlement des Congrès Universels, les cotisations ont été révisées et fixées aux taux ci-après (sur la base du florin hollandais) pour le 47-ème Congrès qui se tiendra à Copenhague, du 4 au 11 août 1962:

Adhésions avant le:

| 31-12-1961 | 31- 3-1962 | 30- 6-1962 | |
|---|---|---|---|
| 55 NF | 64 NF | 71 NF | Congressiste |
| 48 | 57 | 64 | Congressiste (membre - abonné UEA) |
| 27,50 | 32 | 35,50 | Conjoint de congressiste |
| 24 | 28,50 | 32 | Conjoint de congressiste (MA. UEA) |
| 21 | 24 | 27 | Jeune de moins de 20 ans |
| 35 | 40 | 45 | Etudiant de 20 à 30 ans |
| 27,50 | 32 | 35,50 | Aveugle et son guide |

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## E S P E R A N T I S T A K U L T U R A S E M A J N O

de la 16a ĝis la 23a de Aprilo 1962

Kastelo Grésillon - BAUGE (M & L)

### PROGRAMO DE LA KULTURAJ PRELEGOJ EN ESPERANTO

Lundon 16an

8 h S-ro H. MICARD (Epineux-le-Seguin) Direktoro de la Esperantista Kulturdomo: LA KASTELO GRESILLON, KULTURDOMO DE LA FRANCA ESPERANTISTARO".

10 h S-ro A. RIBOT (Marmande): "EKRIGARDO SUR NEPALO"

17 h S-ro J. THIERRY (Paris) : "SILABOJ KAJ PIEDOJ"

21 h S-ro LLECH-WALTER (Perpignan) Prezidanto de U. E. F. - Direktoro de la Prelegoj en Politeknika Asocio de Pyrénées-Orientales: TURISMAJ ASPEKTOJ DE ROUSSILLON (kun lumbildoj)

Mardon 17an

9 h S-ro P. BABIN (Rochefort-sur-Mer), Licea Profesoro en Rochefort: EDUKADO KAJ TOLEREMO.

10 h S-ro D. RODRIGUEZ (Madrid): DISVOLVADO DE LA FRANCAJ - HISPANAJ TURISMAJ RILATOJ

| | | |
|---|---|---|
| Mardon 17an | 17 h | S-ro J. ROUSSEAU (Paris): ESPERANTO KAJ POŜTO |
| | 21 h | S-ro R. LLECH-WALTER: "TURISMAJ ASPEKTOJ DE ANDORO" |
| Merkredon 18an | 9 h | S-ro G. WARINGHIEN (Paris): Agregacia Universitata Profesoro: "RONSARD, POETO EL ANJOU" |
| | 10 h | S-ro J. THIERRY: "ĈU ONI POVAS TRADUKI KANZONON?" |
| | 17 h | Sino CHEVERRY (Angers): "HISTORIO EL ANJOU" |
| | 21 h | S-ro MOTILLON (Tours): BALZAC KAJ TURANĜIO" |
| Jaŭdon 19an | 9 h | S-ro A. FRANGEUL (Angers): "EKONOMIO EL ANJOU" |
| | 10 h | S-ro G. WARINGHIEN: "DUBELLAY, POETO EL ANJOU" |
| | 15 h | VIZITO DE BAUGE |
| | 21 h | S-ro P. PETIT (Paris), Honorofica Prezidanto de la Internacia Asocio de Popoluniversitatoj: "KROZADO SUR NIGRA MARO" (kun kolorfilmo kaj lumbildoj). |
| Vendredon 20an | 9 h | S-ro P. PETIT: "LA POPOLUNIVERSITATOJ" (kun ekspozicio) |
| | 10 h | D-ro A. ALBAULT (Toulouse): "EL HIPOKRATO AL LA MODERNA MEDICINO" |
| | 17 h | S-ro G. ROUGETET (Paris) Vicprezidanto de la Familia Asocio EDF-GDF: "LA NIVELO DE LA FAMILIA VIVO" |
| | 21 h | S-ro J. GUILLAUME (Paris), vic-prezidanto de U.E.F.: "AUSTRALIO" (kun parolanta kolorfilmo) |
| Sabaton 21an | | KONGRESO de U. E. F. kaj DANCADO |
| Dimanĉon 22an | | KONGRESO de U. E. F. kaj TEATRA VESPERO |
| Lundon 23an | | KONGRESO de U. E. F. - Ekskurso al LOIRE - VALO |

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

COTISATIONS POUR LA SEMAINE CULTURELLE ET LE CONGRES

| | Membres de UEF | Non Membres de UEF |
|---|---|---|
| Semaine Culturelle???.. | 7 NF | 10 NF |
| Congrès.............. | 5 NF | 5 NF |
| Adhésion aux deux..... | 10 NF | 13 NF |

à virer à Henri MICARD CCP NANTES 234962 avant le 31.12.1961. Après cette date, les droits de participation seront majorés de 3 NF.

Adhésion de l'épouse et des enfants de 12 à 21 ans: demi-tarif

Enfants en-dessous de 12 ans: gratuit.

Envoyez le plus tôt possible vos adhésions pour la "Semaine Culturelle Espérantiste" et le "Congrès". De cette façon, vous soutiendrez morale-

ment les Organisateurs qui se dévouent constamment pour créer une manifestation de haut niveau culturel. "La Revue Française d'Espéranto" et "Kulturaj Kajeroj" publieront les prix du banquet et de l" excursion et donneront tous renseignements sur le logement des stagiaires et congressistes.

ARRIVEES PAR LE TRAIN

Prière d'indiquer le jour et l' heure d'arrivée de manière à ce qu' une voiture se trouve à votre disposition à la gare. Le train quittant LEMANS à 11 h 30 n'allant pas plus loin que La Flèche, si la Maison Culturelle est avisée, une voiture sera à l' arrivée du train à cett gare. Toutes les facilités seront recherchées pour être agréable aux stagiaires et congressistes, à condition d'être prévenus.

RESERVATION DES CHAMBRES

Les chambres du Château de Grésillon seront réservées par priorité aux stagiaires de la Semaine culturelle; il y a donc intérêt à se faire inscrire au plus tôt.

EXCURSION DU LUNDI 23 AVRIL 1962

Val-de-Loire et Côteaux d'Anjou: Baugé, Beaufort-en-Vallée, La Fenêtre (Levée de la Loire jusqu'à Saint Mathurin), traversée de la Loire, côteaux de l'Aubance, Brissac (château historique) Vallée du Layon, Beaulieu-sur-Layon (réception par M. le Maire, visite du Caveau touristique, dégustation de vin blanc du Layon), Saint-Lambert-du-Lattay, Chalonnes (déjeuner), route touristique de "La Corniche Angevine", Les Ponts de-Cé, Angers (visite du château et des Célèbres Tapisseries de l'Apocalypse).

Possibilité pour les intéressés de prendre en gare d'Angers un train de retour rapide et direct. Pour les autres stagiaires et congressistes: retour normal à Baugé.

# VIVA DE LA GRUPOJ

NORDA FEDERACIO
===============

ARRAS - Nederlanda esperantisto vizitis la urbon, la pluretaĝajn kelojn kaj la kanadan monumenton VIMY Paroladeto pri tio okazos en la klubo de DEVENTER.

BOULOGNE SUR MER - Laŭ propono de Sro N. H. SMITH, el Dover kontaktoj kun belgaj kaj britaj esperantistoj okazis en OSTENDE (24.8.61) kaj BOULOGNE (10.9.1961)La celo estis la reenkondukon de esperanto en la haven-urboj de Belgujo, Britujo, Francujo, kaj okazigi en 1962 tri landan kunvenon.

H E M - Malnova esperantistino, F-ino DELIGNY, unuafoje parolis nian lingvon okaze de la vizito de sia nederlanda korespondanto.

HENIN-LIETARD - S-ro Lucien BOURGOIS gvidas kursojn en la kadro de la Amikaro de Gelernintoj, ĉe la Laika Hejmo, placo Carnot.

LILLE - Post vojaĝo al Italujo, S-ro ROGERS, membro de la Londona Esperanto - Klubo, restadis kelkajn tagojn en Lille.

Nia amiko Guy AUGUEZ aperigis novan poemon pri esperanto en la revuo "ELAN" (n°I5).

ROUBAIX - S-ro G. L.GILMAN, UEA-delegito, lastatempe feriis en Danlando kaj informiĝis pri la venontanUniversala Kongreso.

La klubanoj regule kunvenas ĉe la sekretariejo, 7, strato Saint - Saëns, en Wattrelos.

VALENCIENNES - La Federacia Kongreso okazis la 22-an de oktobro. Tagordo: Novaj kursoj, inform-prelegoj, akcepto de eksterlandaj korespondantoj, gazetara-servo, ktp... Informejo estis ĉe S-ino Y. PETIT, 11 rue Alpjonse Terroir.

WATTRELOS - Kvin nederlandaj geesperantistoj vizitis la regionon kaj informiĝis pri aktualaj problemoj de Norda Francujo. Krome, S-ro HORSTMAN el Olst, prezentis belegajn lumbildojn pri Nederlando kaj Danlando.

Tri ĵurnaloj aperigas ĉiusemajne artikolojn kaj informojn pri esperanto.

Laù peto de la UEA-delegito, la Brita Radio aùdigis la 3-an de septembro, diskon dediĉe al la kongresintoj de Harrogate.

FEDERACIO LANGUEDOC-ROUSSILLON
==============================

MONTPELLIER - Kiel dum pasintaj jaroj, la kunvenoj de la grupo okazas la unuan lundon de ĉiu monato en 34 rue de l' Université (kontraù la Scienca kaj Jura Fakultatoj) je la 21a horo. Dum oktobro, la grupo ricevis la viziton de japana samideano. Dum lia restado en Montpellier, okazis kunveno de la grupo kaj regiona renkontiĝo en " Le Graudu-Roi". Ni plezure ricevis la viziton de pola samideanino, kiu studas ĉi-jare en la Medicina Fakultato de Montpellier.

Por informoj pri la grupo, turnu vin al: "Groupe Espérantiste, 5, rue du docteur Roux, MONTPELLIER.

QUILLAN - La Esperanta Societo " La Verda Stelo" sciigas al la izolulo j de la ĉirkaùaĵo de Quillan ke elementaj kursoj de Esperanto okazas ĉiu-ĵaùde je la 21a horo, ek de oktobro en "Salle Paulin Nicoleau".

BLOMAC (Aude) - Kvankam izole, nia kara samideano S-ro J.BENIT instruisto, disvastigas senlace kaj entuziasme nian lingvon. Li plenumas gravan informan agadon ĉe la tutlanda instruista medio.

ARGELES-SUR-MER - Niaj entuziasmaj amikoj Ges -sroj BENAZET, geinstruistoj aktive disvastigas la lingvon.

BEZIERS - S-ro SALASC plenumas laùdindan aktivecon en tiu urbo.

NORMANDA FEDERACIO
==================

ROUEN - El la provinco NORMANDIE, kies ĉefurbo estas ROUEN, post diversaj klopodoj, la ĉefa ĉiutaga ĵurnalo akceptis enpresi Esperantan Kurson, ĉiun semajnon en sia "Junulara Rubriko".

Tiu ĵurnalo aperas po 180000 ekz. kaj tiel fariĝas bona propagandilo por ESPERANTO.

Dezirante pruvi al la Direktoro de tiu ĵurnalo la valoron de Esperanto, ĝian viglecon kaj ĝian disvastigecon, la normanda esperantistaro alvokas ĉiujn esperantistojn, en la tuta mondo, sendi dank - kaj gratul-poŝtkartojn al la ĉi - suba adreso:

ESPERANTO-Junulara-Rubriko
PARIS NORMANDIE - R O U EN

(ĉiu sendonto ricevos respondon).

LES ANDELYS - Kurso por komencantoj: marde kaj vendrede, de 16h30-17h - Kurso por progresantoj : sabate de 16h30 - 17h30 - Klubaj kunvenoj: unuan kaj trian jaùdon 10h30-11h30.

FEDERACIO "TOULOUSE-PYRENEES"

TOULOUSE - La 3-an de oktobro okazis la inaùguro de Ekspozicio pri libroj en Esperanto, sub la prezidanteco de S-ro BAZERQUE, urbestro kaj ĉeesto de S-ro LLECH-WALTER, prezidanto de U. E. F.

Dum tri semajnoj, oni povis vidi sub dudeko da elmontrejoj elelekton de literaturaj verkoj, skribitaj en Esperanto, ĉu originale, ĉu traduke kaj ankaŭ sciencajn verkojn.

Kurso: ĉiu lunde, je 21 h. I6 rue de Rémusat.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## AUX ROTARIENS ESPERANTISTES

Sur l'initiative d'un espéran - tiste de la première heure (I908), le "samideano" GENERMONT, de Mou - lins (Allier - France), le Rotary-Club de Moulins (dont il est pré-sident de la Commission d' Action Internationale) lance parmi les 400 clubs français (I5000 rotariens) une vaste opération "pour l'Espéranto".

Le premier stade en est le vote d'une résolution demandant l'introduction de l' Esperanto dans les écoles, dans l'esprit de la motion votée par l'UNESCO à Montevideo, en 1954.

Comme il importe au plus haut point que cette action de masse soit vivement appuyée par la puissance incontestée du ROTARY, français pour commencer, international ensuite, tous les Rotariens fran - çais, espérantistes ou sympathi - sants, sont instamment priés de se mettre en rapport immédiatement avec Mr GENERMONT, architecte, place dela République à MOULINS qui les tiendra informés du plan de travail envisagé

G. R O U G E T E T

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## STENO PREVOST-DELAUNAY

Qui est au courant d' une adaptation de ce système à l'Espéranto Qui a des idées à ce sujet? Correspondre avec Mr VERON, place de la Petite Bruyère à DOMFRONT (Orne)

## NOTRE SEJOUR A GRESILLON

Nous étions, Martine et moi, les lauréates du concours organisé par le Club des Andelys. Sylvie, qui était allée à Grésillon l'année dernière et en avait gardé un bon souvenir, a tenu à nous y accompagner.

Nous avions quatre heures de cours par jour et nous nous perfectionnions en Espéranto. Le matin Mr RIBOT nous faisait réviser la grammaire, l'après - midi des jeux nous permettaient d'augmenter notre vocabulaire.

Nous nous sommes baignées dans la piscine les jours ensoleillés. Les jours de pluie, nous faisions des parties de ping-pong sous la véranda, ou nous allions au salon, meublé d'un piano; là, nous avions à notre disposition de la lecture et des jeux.

Nous sommes allées voir le dolmen situé à deux kilomètres du château. Non loin de celui-ci, de petits chemins sous bois conduisent aux étangs.

Nous avons visité la belle pharmacie du XVIIème siècle qui se trouve à l' Hôtel-Dieu. Les boiseries, entièrement sculptées à la main, sont entretenues par les;Soeurs de l'Hôpital. Nous avons également vu la Mairie, ancien château du roi René.

Ce séjour a duré huits jours qui ont passé très vite, mais nous sommes revenues enchantées et nous espérons bien retourner l' année prochaine à la Maison Culturelle

Sylvie, 13 ans
Martine, 12 ans
Josette, 11 ans

NOTA: Signalons que le séjour des lauréates a été payé par le Club d Espéranto des Andelys.

## S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E  (extraitsà)

**ETUDE ET ENSEIGNEMENT**

A.B.C. de Waringhien.......... 1,50

ESPERANTO - MANUEL............ 5,00

MANUEL D'ETUDE (Couteaux)..... 4,50

NI PAROLU EN ESPERANTO (Ribot) 4,70

L'ESPERANTO EN I2 LECONS......13,00

LUDOVIKO EN NEDERLANDO........11,00

ESPERANTO, FIL D'ARIANE.......12,50

PLENA GRAMATIKO (Vol.I).......12,00

PRIVILEGIA VOJO............... 6,00

UNUA LEGOLIBRO................ 2,00

UNIVERSALA LEGOLIBRO.......... 2,00

LINGVO KAJ VIVO...............20,00

ORIGINALA VERKARO (Zamenhof)..18,00

RETORIKO (Lapenna)............16,50

HISTORIO DE LA LINGVO......... 8,50

ESPERANTA ANTOLOGIO (Auld)....18,50

DISQUE DE PRONONCIATION....... 4,00

**DICTIONNAIRES**

Léger-Albault (F + E).........20,50

Waringhien (E + F)............28,30

Lexique Léger (E + F)......... 5,40

Plena Vortaro de Esperanto....I5,00

Vocabulaire Bastien........... 2,40

**LITTERATURE**

Brulanta Sekreto.............. 3.30

Colomba (P. Mérimée).......... 1,70

Kredu min, Sinjorino.......... 8,50

Koko Krias Jam................I0,00

Miru, Pensu, Ridu............. 9,00

Normandaj Rakontoj............17,00

La Alaska Stafeto............. 5,00

Vitralo (John Francis)........ 6,00

Junaĝa Verkaro (Privat)....... 6,00

La Verda Raketo (J.Forge).....11,25

**VOYAGES - GEOGRAPHIE**

Ekspedicio Kon - Tiki.........18,50

Kanako el Kananam.............11,00

Nepalo malfermas la Pordon....15,00

Tempesto super Akonkagvo......11,00

Aùstralio, Lando kaj Popolo... 3,50

**Frais d'expédition et de poste:** 20% jusqu'à IO NF - 15% jusqu'à 20 NF et 10% au-dessus. Les commandes sont à adresser avec les fonds à U.E.F. 34 rue de Chabrol - PARIS - C.C.P.PARIS 855-35.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le Gérant: Jean GUILLAUME

L'imprimeur: Ets Ch. MORIN
188 rue du faubourg St-denis PARIS

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx